11-a jaro. — N-ro 5 (123) Majo 1925.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro;

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al:

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.



JARA ABONPREZO: Fr. 10—

EKSTERLANDE: Fr. 12.50

ANTVERPENO

1925

# Nederlandsche

# Gist- & Spiritusfabriek

**(Nederlanda Fabriko de Fermento kaj Alkoholo)**

ANONIMA SOCIETO

Societa Sidejo : **DELFT (Nederlando)**

Fabrikejo : **BRUGES-BASSINS** (Belgujo)

Filioj : **BRUSELO kaj HUY** (Belgujo)

**Produktajoj :**

## Rega Fermento

## Alkoholo kaj Brando

## Eldistilaj Rekrementoj

**Fako "Fermento kaj Rekrementoj" : Bruges-Bassins**

**Fako "Alkoholo kaj Brando": 378, Av. Van Volxem, Bruselo**

**Telefono :** { **Bruges N° 8** / **Bruxell. BR. 8338** / **Huy N° 40** } **Telegr. :** { **Bruxelles** / **Bruges** / **Huy** } **"Gistfabriek"**

# ESPERANTO IN EEN OOGSLAG !

ESPERANTO is PHONETISCH.

Alle letters worden uitgesproken :

*een letter*
*een klank*

De KLEMTOON valt altijd op de *voorlaatste* lettergreep.

*Geen onregelmatigheden*

*Geen uitzonderingen*

## HET ALPHABET VAN ESPERANTO

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aa | Bb | Cc | Ĉĉ | Dd | Ee | Ff | Gg |
| *a* | *b* | *ts* | *tsj* | *d* | *e* | *f* | *g(*)* |
| | Ĝĝ | Hh | Ĥĥ | Ii | Jj | Ĵĵ | |
| | *dzj* | *h* | *ch* | *i* | *j* | *j(*)* | |
| Kk | Ll | Mm | Nn | Oo | Pp | Rr | Ss |
| *k* | *l* | *m* | *n* | *o* | *p* | *r* | *s* |
| | Ŝŝ | Tt | Uu | Ŭŭ | Vv | Zz | |
| | *sj* | *t* | *oe* | *korte oe* | *v* | *z* | |

Q, W, X en Y bestaan niet.

(* *fransche*, als in gant, jeu

A, E, I, O, U hebben ongeveer den klank als in *ja, re, mi, do, doek*.

C klinkt niet gelijk S of K, maar gelijk *ts* in *fiets* of *tsaar*.

J heeft den klank van *j* in *ja*.

De klanken ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ en ŭ vindt men in *tsj*irpen, *J*ohn, la*ch*en, *j*alappe, *ch*ocolade en leeu*w*.

DE SPRAAKLEER bestaat uit ZESTIEN GRONDREGELS.

DE WOORDEN worden gevormd uit stammen door toevoeging van geschikte letters.

**O** is de uitgang van het NAAMWOORD : fakto, telefono, piano, libro, lafjro, tasko

HOEDANIGHEIDSWOORDEN eindigen op **A** : evidenta, longa, granda, bela, furioza, simpla

NAAMWOORDEN en HOEDANIGHEIDSWOORDEN vormen hun MEERVOUD door toevoeging van **J** (*aj*, *oj* klinken ongeveer als in *eieren* en *uien*)

evidentaj faktoj — longaj telefonoj — grandaj libroj

AL DE EENVOUDIGE TIJDEN VAN HET WERKWOORD WORDEN GEVORMD DOOR SLECHTS ZES UITGANGEN

| *Noemvorm* | *Tegenw. tijd* | *Verleden tijd* | *Toekomende tijd* | *Voorw. wijze* | *Geb. wijze* |
|---|---|---|---|---|---|
| **I** | **AS** | **IS** | **OS** | **US** | **U** |
| ESTI | estas | estis | estos | estus | estu |
| LERNI | lernas | lernis | lernos | lernus | lernu |
| INSTRUI | instruas | instruis | instruos | instruus | instruu |

**N** vormt den ACCUSATIEF (*rechtstreeksch voorwerp*)
Mi (*ik*) instruas lin (*hem*)
Li (*hij*) instruas min (*mij*)
Vi lernas Esperanton

BIJWOORDEN eindigen op **E** : rapide, entuziasme, diligente

## *ESTU PRETA : LERNU ESPERANTON*

DEELWOORDEN worden gebruikt als *hoedanigheidswoorden*, *naamwoorden* en *bijwoorden* :

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Bedrijvend* | Tegenw. -ANT | Verleden -INT | Toekomend -ONT |
| *Lijdend* | Tegenw. -AT | Verleden -IT | Toekomend -OT |

Mi estas instruanta — Mi estas la instruanto — Instruante, mi lernas
Vi estas instruata — Vi estas la instruato — Instruate vi lernas

**ĈU** spreek uit lijk *tsjoe* om een vraag te stellen

harpo, piano, violono, fluto, orgeno — estas *instrumento* (?)
lilio, rozo, tulipo, violo, geranio — estas *floro* (?)
melono, banano, figo, piro, pomo — estas *frukto* (?)
hundo, kato, kamelo, elefanto, urso — estas *besto* ?)

Ons *Ja* is **JES** en ons *Neen* is **NE**

**LA** De het) Eenig bepaalend lidwoord

| | | |
|---|---|---|
| tasko, piano | estas (*is*) | simpla, granda |
| knabo, raporto | estis (*was*) | bela, favora |
| progreso, anekdoto | estos (*zal zijn*) | rapida, longa |

**MAL** (*het voorvoegsel*) duidt het tegenovergestelde aan : malsimpla, malgranda, malbela, malfavora, malrapida, mallonga

KLEUREN

| | |
|---|---|
| blanka | papero |
| blua | krajono |
| nigra | inko |
| bruna | tero |
| rozaj | lipoj |

TELWOORDEN ; Unu, 1, du, 2 ; tri, 3, kvar, 4 ; kvin, 5, ses, sep, ok, naŭ, dek, cent, 100 ; mil, 1000 ; miliono, RANGSCHIKKENDE TELW. : unua klaso dua klaso enz.
Als Bijwoorden : *unue*, ten eerste ; *due*, ten tweede , enz.

Het BEROEP wordt aangeduid door **IST** : dentisto, bakisto, artisto

Het VROUWELIJK GESLACHT wordt aangeduid door **IN** : princo — princino, patro — patrino, leono — leonino

*Vijf* andere *voorvoegsels* en *twintig* andere *achtervoegsels* maken het mogelijk alle begrippen met de meeste juistheid uit te drukken.

Een KLEINE LEERGANG VAN ESPERANTO (Spraakleer, oefeningen en woordenlijst) kan u geworden na toezending van fr. 0,50 in postzegels aan "*Belga Esperantisto*", 45, Kleine Beerstraat, *Antwerpen*.

11a JARO. N-ro 5 (123) MAJO 1925


# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto: | Abonoj kaj Monsendoj |
|---|---|
| FRANS SCHOOFS | FERN. MATHIEUX |
| 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen | 94, Avenue Bel-Air. Uccle |
| Telefono 543.74 | Postceko No 39984. |

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


# Nova propagandilo!

La Antverpena grupo «La Verda Stelo» prenis sur sin la eldonon grandkvantan de malgranda flandra gramatiko «ESPERANTO-LEERBOEKJE», — tradukita el la franca «Premier manuel» (ruĝa broŝuro), — kies teksto estis jam kompostita en «Belga Esperantisto». La eldonintoj tiel forigis mankon, tre forte sentitan de longe, de ĉiu propagandisto en la flandra parto de nia lando. — La libreto 32-paĝa enhavas gramatikon, ekzercojn kaj vortareton kaj kostas nur 50 centimojn! — (Por minimume 10 ekzempleroj la prezo estas 35 centimoj). — Sen iu dubo ĉiuj grupoj kaj unuopaj samideanoj entreprenos per tiu nova helpilo energian propagandon en niaj flandraj provincoj. Ili tuj mendu la necesan kvanton ĉe la suprecitita grupo; adreso: Leemputstraat, 11, Antverpeno (poŝtĉekkonto No 726.52).

* * *

Ni profitas tiun ĉi okazon por atentigi niajn grupajn semantojn, ke nia Ligo posedas ankoraŭ provizon de la propagandiloj «Esperanto en un coup d'œil» kaj «Esperanto in een oogslag!», kiun ni represas en la anoncaj paĝoj de nuna numero. Prezo: Fr. 3.50 per 100 ekzempleroj. Mendu ĉe la liga kasisto, S-ro F. Mathieux, Uccle (poŝtĉekkonto No 399.84).

Ni posedas plumbajn kliŝojn de tiuj tekstoj kaj ni estas pretaj pruntedoni ilin al iu aŭ alia gazeto, kiu dezirus ĝin publikigi. Ni instigas niajn geamikojn en la tuta lando labori ĉe la redakcioj de siaj lokaj jurnaloj, proponante al ĉi tiuj enpreson de malgranda propaganda artikolo pri Esperanto, kun «Esperanto en un coup d'œil» aŭ «Esperanto in een oogslag!».

Korespondu pri tiu temo kun la Direktoro de nia organo.

# RADIOFONIO

## UNUA INTERNACIA KONGRESO DE RADIO-AMATOROJ AKCEPTAS ESPERANTON.

De 14-19 aprilo okazis en Paris la 1-a Internacia Kongreso de Radio-Amatoroj, sur kies tagordo ankaŭ troviĝis laŭ iniciato de American Radio Relay League la demando pri internacia helplingvo.

Tiu ĉi kongreso nun definitive akceptis Esperanton kiel sian internacian helplingvon.

Speciala subkomisiono por esploro de la demando kun 13 voĉoj kontraŭ 2 sindetenoj akceptis rezolucion favoran al Esperanto.

La Plenkunsido de la kongreso unuanime malpli 1 voĉo por angla lingvo kaj 1 voĉo por Ido akceptis la jenan rezolucion:

a) La Unua Kongreso de Internacia Amatora Radio Unio, konstatante la malfacilaĵojn kaŭzatajn par la diverseco de lingvoj en la internaciaj rilatoj, decidas rekomendi la studon kaj uzadon de Esperanto kiel helpa lingvo de la internaciaj radiotelefonaj komunikoj kaj disaŭdigoj, kiel ankaŭ de la resumoj aŭ tradukoj en revuoj kaj kongresoj.

b) La sama rekomendo estas farata pri radio-telegrafaj komunikoj en okazoj, kiam korespondantoj ne povas interkompreniĝi per nacia lingvo.

c) Sekve de tiu decido, la kongreso alprenas **Eperanton** kiel sian helpan lingvon internacian flanke de la uzataj naciaj lingvoj.

Tiun ĝojigan kaj gravan rezultaton ni ŝuldas al la energia agado de D-o Corret, kiu defendis Esperanton, kaj de s-oj Isbrucker, Grenkamp kaj Usami (japana samideano, ambasadoreja sekretario ĉe Ligo de Nacioj), kiuj parolis en Esperanto.

---

## FONDO DE EŬROPA KOMITATO POR KONTINENTAJ PROVOJ.

Post la sukcesa fino de la Internacia Kongreso de Radio-Amatoroj fondiĝis en Parizo Eŭropa Komitato por Kontinentaj Provoj sub la prezido de nia konata samideano Profesoro D-ro Pierre Corret. La tasko de tiu ĉi Komitato estas organizi la kontakton inter la dissemitaj amatoroj sur la kontinento, aranĝi diversajn eksperimentojn kaj utiligi ties rezultatojn por la scienco. Eŭropo estas dividita en 4 sektorojn:

1. Francujo, Anglujo, Belgujo, Nederlando, Hispanujo, Svislando.
2. Polujo, Ĉehoslovakio, Estonio, Rumanujo, Hungarujo, Aŭstrujo, Bulgarujo. (Germanujo, Litovio, Latvio?).
3. Italujo, Jugoslavio, Turkujo, Grekujo.
4. Svedujo, Norvegujo, Danujo, Finnlando.

La oficiala organo de la Eŭropa Komitato estas la «Radio-Amator» (20 Zielna, Varsovio, Polujo), kiu aperos grandparte en la oficiala lingvo de la radioamatoroj: en Esperanto.

---

# KOMERCA KAJ SCIENCA KONFERENCOJ EN PARIZO.

Pri tiuj bonege sukcesintaj konferencoj ni atendas la oficialan raporton, kiu pliriĉigos la dokumentaron atestantan pri la praktika vivoforto de nia lingvo. Ni nin limigos presigante la rezoluciojn de ambaŭ konferencoj kaj la raporton verkitan de F-ino Spira por la komerca kurso de Antverpeno, de kiu ŝi estis delegita al Parizo.

Jen la raporto:

Karaj kolegoj kaj koleginoj,

Kvankam mi estas plena je impresoj post mia vojaĝo al Parizo, mi timas, ke mia nuna paroladeto estos tre seka kaj ne interesos vin tiel, kiel mi bonvolus. Ĉar de la tago, kiam mi revenis, mi jam tiel ofte rakontis al personoj, kiuj volis aŭ ne volis aŭdi, ke nun la vortoj mankas al mi. Do ne estu tro severaj kritikantoj.

La vojaĝo al komerca Esperanta konferenco en Parizo restos certe en mia memoro kiel bela kaj agrabla okazo en mia vivo. Tiel mi tre kore dankas la Komitaton, kiu donis al mi la eblecon vidi kaj aŭdi tiom da interesaĵoj.

Ni foriris el la Suda stacidomo (Antverpena) frumatene je la 7a. La vetero estis bela, la ĉielo klara kaj la vojaĝsocieto ĝoja kaj agrabla. Dum la vojaĝo ni parolis nur Esperante kaj tiamaniere mi havis la eblecon ekzerci mian langon. Ankaŭ mi preparis mian paroladon kaj lernis ĝin parkere. Tiam mi ne sciis ankoraŭ kiel malfacile estas paroli antaŭ aŭdantaro, sentante sur sin cent okulojn, kiuj rigardas al vi tutan tempon. Ni alvenis en Parizo je la unua kaj duono, renkontis en la stacidomo aliajn belgajn delegatojn, kaj dum aliaj iris tagmanĝi, mi iris al la hotelo. Komence mi ne rimarkis multe la belecon de Parizo. Ŝajnis al mi, ke ĉiuj aŭtoj volis traveturi nur min; kien mi turnis min, ĉie movado, homoj, ĉevaloj kaj veturiloj de ĉiuj specoj. Fine mi trovis la «metron», la subteran fervojon, kiu kondukis min al mia hotelo. Tie mi povis iomete ripozi kaj kun freŝa forto mi iris al la Komerca Ĉambro por ĉeesti la malfermon de la konferenco. Nun mi komencis vidi kiel Parizo estas belega kaj grandioza. Preter pasante mi vidis la Arkon de Triumfo kaj meze de ĝi la tombon de la nekonata soldato, kovritan je floroj.

La bela konferenca ĉambrego estis plena je esperantistoj el ĉiuj landoj. Venis reprezentantoj el Holando, Anglujo, Ĉeho-Slovakujo, Rumanujo, Germanujo, Polujo kaj aliaj landoj, eĉ el Ĉilio kaj Filipinoj. La prezidanto de la Pariza komerca ĉambro salutis la kunvenantojn kaj ĉiu delegato alportis salutojn de sia lando. Poste oni elektis la estraron de la konferenco, kiu tuj komencis fiksi ĝian programon. Intertempe la

kongresanoj konatiĝis reciproke. Oni sentis sin kiel inter familio, regis io, kion oni nomas la parenceco de la spirito. Personoj kiuj intervidiĝis la unuan fojon sentis sin kiel bonaj konatuloj, malgraŭ siaj diversaj aspe ktoj kaj diversaj gradoj de la klerigo.

Vespere estos la solena malferma kunsido en la Sorbonne. Ni antaŭe ankoraŭ iris vagi per aŭto tra Parizo. Kiel ti ĉiu urbo estas bela. Oni ne sciis kion admiri unue, ĉu la grandajn konstruaĵojn, monumentojn de la glora franca historio, ĉu la belegajn parkojn, ĉu la bordojn de la Seine kun la admirinda preĝejo de Nia Sinjorino, kie ŝajnas promeni la fantomo de Quasimodo. Mi ĉiam iomete koleris, kiam mi aŭdis trogrande laŭdi Parizon. Nun mi komprenas tion kaj konsilas al vi pilgrimi almenaŭ unu fojon al Parizo. Vi certe estos impresita por tuta via vivo.

Vespere estis en Sorbonne, mi opinias, ĉirkaŭ du mil personoj. Diversaj ĉefuloj de l'mondo scienca kaj komerca paroladis por konvinki la ĉeestantojn, kiel utile kaj necese estus, uzi helpan lingvon por interniaciigi la sciencojn kaj faciligi komercajn interrilatojn. Esperanto estas per sia facileco kaj klareco la ideala lingvo por atingi tiun celon; ĉiuj povas facile lerni ĝin kaj certe la homaro vivus pli pace, se ĝiaj anoj povus kompreniĝi reciproke. Unu el parolistoj, la trezorestro de l'pariza komerca ĉambro, donis eĉ kurson de Esperanto en dekkvin minutoj kaj tiu minimuma tempo sufiĉis por vidigi tutan konstruon de la lingvo, Poste ni havis ankoraŭ artan koncerton kaj la bela tago finis je la ĝenerala kontento kaj admiro.

Sekvantan tagon, ĵaude, mi leviĝis tre frue por vidi la «Halojn» de Parizo, kiuj estas tiel potence priskribitaj en la verko de Emile Zola «La stomako de Parizo». Neniam en mia vivo mi vidis tiom da manĝaĵoj! Tre interesaj estas la halvendistinoj, kiuj distingas sin per siaj tre lertaj langoj. Poste ni kunvenis en la foiro, kie la diversaj reprezentantoj raportis pri la Esperanta movado en siaj landoj. La delegito el Ĉehoslovakujo rakontis, ke 400 firmoj en tiu lando estas eblaj korespondi Esperante. En Litovujo multaj firmoj preferas oficistojn kiuj komprenas Esperanton. En Hispanujo la movado Esperanta tre fortiĝas. Fine oni decidis reeldoni en ĉiu lando ŝlosilojn, la malgrandajn libretojn kiujn niaj unuaj semantoj tiel sukcese uzis, kiel bonega propaganda ilo por nia lingvo. Oni eĉ proponis skribi Esperantajn leterojn al komercistoj, kiuj ne scias la lingvon kaj kune kun leteroj sendi la ŝlosilojn.

Irante tagmanĝi mi subite memoris, ke posttagmeze mi devas ankaŭ paroli. Mi tuj perdis mian trankvilecon, forgesis la duonon de tio, kion mi volis diri, kaj ruĝvanga, nerva, mi alvenis al la kunsido. Kiel el malproksimejo mi aŭdis ion paroli pri la rezultatoj de la komercaj kursoj oganizitaj en diversaj landoj, kaj la voĉo de la laŭreato el Berlina komerca kurso, kiu jam tre lerte parolas Esperante. Alia samideano, ankaŭ el Ĉehoslovakujo, mi pensas, legis la plejbonan kaj la malplejbonan komercan leteron, kiun oni skribis por la ekzameno. Mi miris kiel tiu mal-

plej bona letero estis rilate bona kaj enhavis nur kelkajn erarojn. Kiam mi fine iris al la tribuno, mi sentis miajn piedojn ŝanceli. Per tre necerta voĉo mi transdonis al la ĉeestantoj la salutojn de nia kurso kaj kvankam oni sufiĉe aplaŭdis, mi sentis, ke tio estis nur por kuraĝigi min. Tio estis mia plej malfacila momento dum la konferenco.

Vespere, aŭdante la belan koncerton, organizita je nia honoro de la kabareda societo «La verda kato», mi reiĝis tute trankvila. Ne havante tempon viziti la operdomon, ni havis okazon admiri la belegan voĉon de la kantistino de la komika opero. Ankaŭ oni prezentis la konatan teatraĵon «Angla lingvo sen profesoro» en tre bona Esperanto.

Sabate,forlasante la hotelon je la oka, ĉar mi havis la kapricon trairi Parizon piede, mi alvenis al la konferenco je la dekdua, ĵus en la momento kiam la kunsido finiĝis. Do mi iris kune viziti la foiron, kiu estas tre interesa.kaj kie ni evidente parolis nur Esperante. En la butiko de stenografaj skribmaŝinetoj mi diktis Esperantan leteron, kiu estis tre rapide kaj senerare skribita.

Miaj grandaj impresoj de tiu tago estas la Panteono kun tomboj de Molière, Victor Hugo, Zola kaj aliaj grandaj homoj. Ankaŭ Jaurès estas tie enterigita. Sed la plej admirinda mi trovis la preĝejon de Nia Sinjorino (Notre Dame), kiu estas bela super ĉiuj vortoj.

Sabaton vespere, kiel fermo de la konferenco, okazis granda festeno, kiun ĉeestis pli ol ducent personoj. Mi alvenis nur je la deserto, sed per la ĝojo, kiu regis, mi komprenis, ke oni manĝis tre bone kaj trinkis ankoraŭ pli bone. En tiu okazo mi devas diri, ke Parizo havas tre bonan bieron kaj mi konfesas kun iomete da honto ke mi trinkis tie en kvar tagoj pli multe ol mi trinkas ordinare en tuta monato.

Do, ni sentis kun bedaŭro, ke la belgaj tagoj baldaŭ finos kaj ni decidis, ke dimanĉo devas esti bone profitita. Matene ni estis ĉe la ekspozicio de la nuntage arto, kie diversaj pavilonoj estas ankoraŭ ne finitaj. Mi ne sentas min kapabla doni opinion pri tiu ekspozicio. Certe ĝi estas tre, tre interesa, sed mi ne povas trovi ĝin bela. Kiel esprimis sin iu sinjoro, mi ankaŭ opinias, ke ĝi montras plibone la malfortecon de nia nerva tempo.

La veran belecon kaj majeston mi trovis en la hotelo de la invalidoj, kaj kiam mi estis antaŭ la tombo de Napoleono, mi sentis miajn okulojn malsekiĝi. La vizito de la reĝa palaco finis la tagon kaj mian restadon en Parizo, kiun mi neniam forgesos.

Reirante al Antverpeno, en la vagonaro mi multe pensis, kaj filozofis pri la temo: kial la belaj tagoj tiel rapide forflugas? kaj kial la homa vivo havas tiel malmulte da ĝojo?

R. SPIRA.

---

## REZOLUCIOJ DE LA KOMERCA KONFERENCO.

**Proponoj balotitaj kaj unuanime akceptitaj.**

Propono de Komerca Teknika Lernejo «Pigier» en Perpignan (Francujo):

1. ke en la tuta mondo la helplingvo Esperanto estu devige instruata en ĉiuj komercaj lernejoj;

2. ke en ĉiuj landoj la Ĉambroj de Komerco helpu al instruado de tiu ĉi lingvo.

Propono de s-ro Flageul (Francujo): Por helpi la normalan disvatigon de Esperanto estas dezirinde, ke ĉiuj Esperantaj Organizoj instigu siajn membrojn al lernado de Esperanta Stenografado; aliparte por pligrandigi la profesion valoron de la stenografiistaro estas dezirinde, ke ĉiuj stenografaj societoj instigu siajn membrojn al lernado de Esperanto.

Propono de «Esperanto et Commerce» (Francujo): Fondo de Esperantaj Komercaj Asocioj en ĉiuj landoj, kie ili ankoraŭ ne ekzistas. Tiuj Asocioj devas interrilatiĝi konstante por interŝangi ĉiuspecajn informojn.

Propono de s-ro Balkanyi (Hungarujo): Laŭ spertoj de kelkaj vojaĝoficejoj kaj fremduloficejoj oni povas faciligi la vojaĝojn por Grupoj de Esperantistoj, pro kio la Konferenco rekomendas dum vojaĝoj aranĝi ĉion por tiaj oficejoj; kaj la oficejoj aranĝu pli ofte vojaĝojn por Esperanto.

Propono de S-ro Hromada : La Konferenco (aŭdinte raporton, ke en kelkaj landoj notinda nombro da firmoj, havantaj esperantiston inter sia oficistaro, deklaris sin pretaj korespondadi esperante kaj enkonduki tiel internacian komercan korespondadon) petas Naciajn Societojn Esperantistajn, ke ili faru ĉiujn klopodojn por starigi jam dum la nuna jaro adresaron de komercaj firmoj uzantaj Esperanton.

* * *

Krom tiuj rezolucioj, estas notinde, ke dum la festeno de la 16-a de Majo, S-ro Léonard, delegito de la Ministro pri Komerco, deklaris en Esperanto ke la Franca Registaro decidis akcepti Esperanton, kiel «klara lingvo» en la rilatoj poŝtaj, telegrafaj kaj radiotelefonaj, kaj ke ĝi komisios siaj reprezentantojn ĉe proksima internacia konferenco de P. T. T. (Parizo, Septembro 1925), ke ili petu la aliajn registarojn alpreni saman decidon.

* * *

## INTERNACIA SCIENCA KONFERENCO (Parizo, 14-16 Majo 1925).

**Deziresprimoj kaj decidoj.**

1. — DECIDO.

La Konferenco opinias, ke, antaŭ ol studadi kaj difini la rimedojn uzotajn por realigi la dezirojn esprimitajn de la Francaj Sciencakademianoj kaj teknikaj aŭ sciencaj Asocioj, estas necese precizigi kiugrada kaj kiuspeca devas esti la helpo petota de ĉiuj Organismoj, Registaroj, Societoj kaj Personoj, celitaj de tiuj deziresprimoj.

Konsekvence, rilate al ĉiu el ili, difininte unue la helpon,due la remedojn, la Konferenco alprenis la jenajn decidojn:

a) **Oficialaj Estraroj.**

Helpo petota. — Oni devas atingi, ke ili enkonduku la instruon de Esperanto en la sciencajn kaj teknikajn lernejojn, unue laŭvole, poste devige; — ke ili promesu al la kandidatoj al ĉia oficiala diplomo aŭ al ĉia posteno en la Ŝtata administracio kelkajn favoraĵojn, se ili scius la lingvon Esperanto; — ke ili uzigu Esperanton en siaj naciaj oficialaj oficejoj por faciligi la rilatojn kun la fremdaj samspecaj oficejoj (Of. meteorologiaj, hidrografiaj, aerveturaj, telegrafaj, policaj ...); — ke ili prezentu kaj subtenu proponojn favore al Esperanto ĉe la Ligo de Nacioj; ke ili donu financan kaj moralan apogon al la Esperantaj sciencaj kaj teknikaj Societoj.

Uzotaj rimedoj. — Plej taŭgaj rimedoj ŝajnas, ke la Esperantistoj instigu manifestaciojn favorajn al Esperanto de la sciencaj aŭ teknikaj Asocioj, de eminentaj sciencistoj, de specialaj gazetoj (t. e. deziresprimon, deklaracion, artikolojn ...), kaj ke ili transdonu ilin al la Registaro; ke ili konigu al sia Registaro ĉiun tiaspecan deciron alprenitan en fremdaj landoj; ke ili rekte agu sur la naciaj oficialaj oficejoj, por ke tiuj lastaj siavice agu sur la Estraro, de kiu ili dependas.

b) **Asocioj kaj Kongresoj.**

Helpo petota. — Oni devas atingi, ke ili alprenu deziresprimon similan je tiu de la Franca Scienca Akademio, sed aliformigitan laŭ iliaj specialaj celoj; — ke ili starigu kursojn de Esperanto en siaj lernejoj; — ke ili presigu artikolojn pri aŭ en Esperanto en sia perioda bulteno; — ke ili elektu specialan komisionon, kiu verkos internacian multlingvan vokabularion de sia speciala terminaro; — ke ili alprenu Esperanton kiel unu el la oficialaj lingvoj uzindaj en la Kongresoj.

Uzotaj rimedoj. — Estas dezirinde, ke la ago estu farata de anoj mem de la Asocio aŭ Kongreso; — ke ili postulu elekton de Komisiono speciale difinita por studi la demandojn; — okaze de Kongreso, ke la Esperantistoj agu sur la organiza komitato antaŭ ol ĝi definitive decidu kiuj naciaj lingvoj estas uzotaj en la Kongreso; — dum la Kongreso, ke ili faru aktivan propagandon, kaj prezentu la deziresprimon tutprete redaktitan, je la taŭga momento.

c) **Internaciaj organismoj oficialaj aŭ ne.**

Helpo petota. — Oni devas trafi, ke tiuj organismoj uzu la lingvon Esperanto en la sidejaj oficejoj en siaj leteroj kaj publikigaĵoj, porprove. Post sukcesiga provo, ke ili proponu al sia Registaro aŭ al la Aŭtoritatoj, de kiuj ili dependas, la ekskluzivan uzadon de Esperanto.

Uzotaj rimedoj. — Agado sur la Direktoroj de tiuj Internaciaj Oficejoj, proponante al ili tradukistojn kaj bonvolemajn profesorojn; uzi kiel argumentojn la rezultatojn jam akiritajn (ekz. I. L. O. de la Ligo de Nacioj).

d) **Eldonistoj, firmoj specialaj por periodaj sciencaj kaj teknikaj publikaĵoj.**

Helpo petota. — Oni devas atingi, ke tiuj Eldonistoj liveru tradukaĵojn de altvaloraj verkoj ĉiunaciaj (nemultpaĝaj por komenci), de didaktikaj enciklopedioj en malgrandaj volumoj, de internaciaj vokabularioj, de nacilingvaj kajeretoj por ebligi la legadon de Esperanta teksto preskaŭ sen studo; — ke ili uzu Esperanton por siaj komercaj aferoj; — ke ili faciligu al la Scienca Asocio Esperantista la eldonon de ĝiaj dokumentoj.

Oni devas atingi, ke la Firmoj eldonantaj Periodaĵojn ofte presigu propagandajn artikolojn aŭ sciigojn pri la progresoj de Esperanto, artikolojn en Esperanto, ĉu originalajn, ĉu tradukitajn; resumojn de nacilingvaj artikoloj en Esperanto prefere ol en aliaj lingvoj.

Uzatoj rimedoj. — Oni montru kiom monŝpariga estus la universala uzo de Esperanto (ĝi havigas tutmondan klientaron), kaj kiom malgravan elspezon kostus la proponata programo. — En la komenco, prezentu bonvolemajn tradukantojn, aŭ verkojn tute pretajn en Esperanto. — Atentigu pri la avantaĝoj, kiuj rezultos al la unuaj iniciatintoj, rilate al la estonta internacia konkurado.

e) **Sciencistoj, teknikistoj, industriaj firmoj aŭ societoj.**

Helpo petota. — Trafi, se eble, ke tiaj personoj studu la lingvon Esperanto en sufiĉa grado, por ke ili almenaŭ scipovu ĝin kompreni per la legado (kio estas ebla post tempo eksterordinare mallonga), propagandu en iliaj medioj, kongresoj, Asocioj; — ke la Industriaj Firmoj uzu Esperanton por siaj rilatoj eksterlandaj; invitu ilian oficistaron lerni la lingvon, kaj disdoni kuraĝigajn rekompencojn; sciigu sur siaj leteroj kaj kovertoj, ke ili uzas Esperanton; — kaj ke morale kaj eĉ mone ili subtenu la Sciencan Asocion Esperantistan.

Uzotaj rimedoj. — Rilate al la Personoj, la rimedoj estas tiuj de la ordinara propagando, direktitaj laŭ scienca kaj teknika vidpunkto; kompreneble la rimedoj estas pli efikaj, se la Esperantistoj agos sur sammen de profesianoj.

Rilate al la Industriaj Firmoj, oni prezentu simplan, praktikan programon, kiu postulu neniun plian laboron de la direktoro, kiu kaŭzus nenian malordon aŭ konfuzon en la funkciado de la oficoj; la agado, por ke ĝi plej efiku, devas esti kondukata de personoj kleraj je la koncerna industrio. kaj taŭgaj por montri la gravan profiton haveblan el la uzado de Esperanto.

2. — DECIDO.

La Konferenco komisias la «Sciencan Asocion Esperantistan» por daŭrigi la agadon difinitan per la ĉi-supraj decidoj, kaj por periode sciigi la ricevitajn rezultatojn.

Pog ebligi ke tiu Asocio plenumu tiun sian taskon, la Konferenco invitas siajn partoprenintajn anojn meti siaj rimedojn je ĝia dispono, nomo aliĝante al ĝi kaj donacante subvenciojn.

3. — DECIDO.

La Konferenco aprobas la metodon nune uzatan por ellaborado de la «Teknikaj Vortaroj».

Ĝi invitas la Esperantistojn vigle kunlaboradi kun la komisiita Sekcio, ĉefe proponante sin por estri la redaktadon de ilia faka terminaro.

Ĝi invitas ilin klopodi, por ke la naciaj aŭ la internaciaj kongresoj, kiujn ili partoprenas, decidu verki internaciajn fakajn terminarojn, por faciligi ellaboradon de la samfaka esperanta terminaro.

(Laŭ «Heroldo de Esperanto».)

* * *

La Belgaj organizaĵoj, kiuj partoprenis la komercan konferencon estas:

1. Komerca Ĉambro de Belga Luksemburgo, Arlon; del.: S-ro Lepage;
2. Komerca Ĉambro de Liége; del.: S-ro Hubert Joris;
3. Franca komerca Ĉambro de Bruselo; del.: S-roj Mottay kaj Mouchet;
4. Komerca Ĉambro de Ostendo; del.: Jean Valcke;
5. Ĉambro de Metioj kaj Negocoj, Verviers; del.: Jos. Pirnay;
6. Societo de komercvojaĝistoj, Verviers; del.: S-ro Jos. Pirnay;
7. Komerca Ĉambro de Antverpeno; del.: S-ro V. Gossiaux;
8. Genta Societo por plivastigo de tutmondaj rilatoj, Gento; del.: S-ro H. Petiau;
9. Asocio pri Maraj aferoj, Gent; del.: S-ro H. Petiau;
10. Komerca Instituto St. Ignace, Antverpeno; del.: S-ro Armand Van Assche;
11. Antverpena Komitato por Internacia Komerca Lingvo Antverpeno; del.: Fr. Schoofs;
12. Komerca kurso de Antverpeno; del.: F-ino Rosa Spira;
13. Grand Hôtel d'Oostduinkerke; del.: S-ro Paul Benoît.
14. Firmo A. Van Assche, makleristoj, Antverpeno; del.: S-ro Arm. Van Assche.

* * *

La Belgaj samideanoj, kiuj ĉeestis la sciencan konferencon, estas:

1. S-ro Oscar Van Schoor, farmaciisto, Antverpeno;
2. S-ro Cl. Van de Velde, inĝeniero, Gento.

---

## INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ 1925

### BELGAJ LAŬREATOJ.

Kun ĝojo ni sciigas, ke nia bona samideanino S-ino Maria Elsworthy-Posenaer akiris premion por sia rakonto «La Malnova Domo». Al nia amiko Jan Van Schoor ankaŭ estis aljuĝita premio por lia poemo «Je l'nova jaro».

Ni gratulas kun espero pri estontaj venkoj!

---

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — **Antverpena Komitato por Internacia Komerca Lingvo:**

Tiu komitato senlace daŭrigas la batalon por la atingo de sia celo; depost la apero de nia januara numero, ni ricevis la sekvantajn informojn.

La kurso por komercistoj, kiu regule okazis en la Urba Normala Lernejo (Quellinstrato), ĉiujaŭde de la 8 1/2a ĝis la 10a vespere, finiĝis la 30an de Aprilo.

Ekzameno okazis dimanĉon, 3an de Majo 1925. La juĝantaro konsistis el: S-roj Fr. Swagers (prezidanto), M. De Ketelaere, L. Ritschie, Fr. Schoofs, A. Van Assche kaj O. Van Schoor; la Industria Ĉambro sendis delegiton, por kontrolo.

En la ekzameno partoprenis 16 oficialaj, kaj 3 neoficialaj gelernantoj. La maksimumo de la poentoj estis 100 (50 por la voĉa, kaj 50 por la skriba parto). La rezultato estis bona; kvankam la gelernantoj nur ĉeestis 16 lecionojn, ĉiuj — krom unu — akiris almenaŭ 60 % de la poentoj.

La unua premiito havis pagatan vojaĝon al Parizo, por ĉeesti kiel kursa delegito al la Internacia Konferenco por la uzado de Esperanto en Komerco kaj Industrio (14an ĝis 17an de Majo 1925). Sro Ch. Van der Veken, kiu estis la unua de la ekzameno (96 poentoj), bedaŭrinde ne sukcesis havigi al si la necesan libertempon; tial Fino Rosa Spira, la dua de la ekzameno (95.5 poentoj), estis delegita de la kurso.

S-ro Fr. Schoofs reprezentis la komitaton ĉe la Konferenco.

La Komitato efike propagandis eksterlanden, sendante al centoj da adresoj (al la oficiale konataj organizantoj de lokaj kursoj okaze de la internacia eksperimento — al la esperantemaj komercaj foiroj — al komercaj firmoj kiuj jam uzas Esperanton) adreslistojn de niaj kursanoj kaj de Antverpenaj firmoj esperantigeblaj. Sekve de tio, esperantaj katalogoj, broŝuroj, k. t. p. estis sendataj de diversaj landoj, pruvante tiamaniere la jaman disvastiĝon de Esperanto je komerca vidpunkto.

La financa flanko de la entrepreno estas grava punkto, kiu feliĉe ricevis bonan solvon dank'al la malavara helpo de diversaj komitatanoj, inter kiuj ni jam povas citi S-rojn V. Gossiaux, L. Champy, M. De Ketelaere, Fr. Schoofs, O. Van Schoor, G. Vermandere. Ankaŭ la «Fédération anversoise des négociants exportateurs», la «Cercle des expéditeurs, exportateurs et importeurs», «La Verda Stelo» kaj la «Antverpena Esperanto-Grupo» donacis gravan sumon; kaj tre eble, dank'al la klopodoj de la sindonema prezidanto S-ro V. Gossiaux, donacoj ankaŭ alvenos de aliaj patronantaj organismoj.

ANTVERPENO. — Dum la restado de la Reĝino en Antverpeno (Februaro pasinta), nia bonekonata Esperantista stilistino S-ino M. Elworthy - Posenaer efektivigis intencon, kiun ŝi havis en la jaro 1912a, okaze de la festoj organizitaj je la centa datreveno de la naskiĝo de la flandra verkisto Hendrik Conscience.

Ekzemplero de ŝia (tiam jus aperinta) majstra traduko de «Rikke-Tikke-Tak» estis transdonota al la Reĝino dum la vizito de Ŝia Moŝto al la Conscience-ekspozicio, sed la festkomitatano, kiu prenis sur sin tion fari, ne havis oportunon por plenumi sian promeson. Okaze de la lasta vizito de la Reĝino en nia urbo, nia samideanino havigis al Ŝia Moŝto, kun klariga letereto, la libron kiu restis dum preskaŭ dek-tri jaroj en la sama blanka papero kun verda rubandeto enpakita, atendante oportunan okazon por esti transdonata.

Pro la ĉarma ideo dankis nian samideaninon S-ro Barono de Traux de Wardin, Sekretario de la Reĝino, je la nomo de ĉi tiu, kaj skribis i.a.: «Nia Suverenino akceptis vian donacon kun simpatio, kaj estas al vi tre danka ĉar vi realigis tiel ĝentilforme la projekton, kiun vi faris en jam malproksima tempo, la cirkonstancoj ne permesinte al vi,ĝin tiam efektivigi.»

**Antverpena Polica Grupo Esperantista.** — Ĝenerala kunveno okazis la 27an kaj la 28an de Majo en la policlernejo Gildekamerstraat, No 9.

La grupanoj ĉeestis tridekope kaj ekzercis sin en Esperanta parolado. La rezultato de tiu ekzercado kontentigis ĉiujn kaj la ĉeestantoj, kun nova kuraĝo, daŭrigos la sekvadon de la kurso, kiu estas donata ĉiusemajne Lunde kaj Marde, je la 8 1/2 a vespere.

ANTVERPENO. — **Verda Stelo.** — Sabaton, 4an de aprilo, okazis la ĉiumonata ĝenerala kunveno de la grupo. Oni raportis pri la porkursa propagando. La 28an kaj 30an de aprilo novaj kursoj komenciĝis kun granda sukceso: 120 novaj gelernantoj! ilin gvidas S-roj Broeckhove, Groenweghe, Jan Van Schoor kaj M. Boeren.

Dum la ĝenerala kunveno S-ro Jaumotte raportis pri la lasta komitata kunveno de B. L. E. kiun li ĉeestis kun S-ro Boeren kiel Delegitoj de la grupo.

S-ro Broeckhove sciigis pri starigota naĝfako en la Sporta Sekcio kaj S-ro Schoofs priparolis la okazontan kongreson en Verviers. Li ankaŭ sciigis, ke la 14an de aprilo S-ro Privat alparolos la esperantistaron el Radio-Paris.

La 11an, 18an kaj 25an de aprilo okazis la ĉiusemajnaj kunvenoj dum kiuj la membroj amuzis sin per legado, dancado kaj ludoj ĉiu-specaj. S-ro Jaumotte tre interesige kaj sprite rakontis pri «naskiĝo de ĵurnalo». La 2an kaj 23an de majo la kunvenoj havis la saman sukceson. La 9an, dum la ĝenerala kunveno, la Prezidanto priparolis la eblecon aranĝi societan vojaĝon al Verviers kaj belgan karavanon al Genève. Li komunikis pri la rezultato de la loka kurso de la Komerca Eksperimento. S-ro Jaumotte priparolis la aranĝon de ekskurso al Parizo. La vojaĝo daŭros kvin tagojn kaj kostas 300 frankojn; ĝi okazos de la 9a ĝis la 13a de aŭgusto.

Dum tiu kunveno estis prezentata bonega flandralingva propagandilo, la traduko de la franca ruĝa broŝuro «Premier Manuel», farita de S-ro Schoofs kaj eldonita de «Verda Stelo».

# EL PASINTA TEMPO.




Dum la 7a Universala Esperanto-Kongreso en Antverpeno, la anglaj kongresanaj maljungis la cevalon el la veturilo de D-ro kaj S-ino Zamenhof. (Antverpeno, la 25an de Aûgusto 1911.)

La 16an S-ro Jan Van Schoor prelegis kelkajn belegajn paĝojn el la majstroverko de nia flandra verkisto Tony Bergmann: «Ernest Staes» kiun nia bonega propagandisto arte tradukis.

La 17an, aro da membroj ekskursis al Peerdsbosch.

GENTO. — Genta Grupo. — La kurso okazas regule ĉiumerkrede je la 7a vespere en urba lernejo. La ĉeestantaro tre lerte lernas nian lingvon.

MEĤLENO. — La 26an de aprilo kelkaj gemembroj de la grupo ekskursis al Kessel, kie ili renkontis gesamideanojn el Antverpeno kaj Liero.

La 17an de Majo la grupo organizis ekskurson al Laeken kun vizito de la varmejoj de la Reĝa palaco. La 24an kelkaj membroj partoprenis la ekskurson al Bergen-op-Zoom organizita de la «Antverpena Poresperanto Propaganda Komitato». Naŭ el la membroj ĉeestis la kongreson en Verviers.

SANKTA NIKOLAO. — La nova grupo bone prosperas. Nia juna fervora Samideano De Boes daŭrigas ĉiumarde la kurson kiu baldaŭ finiĝos; poste okazos perfektiga kurso. La grupo nun posedas telefonon en sia sidejo; ĝi estas uzebla por grupaj aferoj. Ĝi posedas ankaŭ poŝtĉekkonton No 142.556, Esperanto-Grupo «Al Triumfo».

La 14an de majo okazis Radio - Esperanto - vespero organizita de S-ro Max Van Gendt, lerta Radiisto kaj membro de la grupo.

La 21an la grupo organizis ekskurson al «De Donck» en kiu partoprenis 17 membroj.

La grupo intencas organizi baldaŭ ekspozicion Esperantan pri turismo - literaturo - komerco kaj radio. Ĝi faras alvokon por ke bonvolemuloj alsendu kiel eble plej multe da materialo. Pliajn detalojn ni komunikos en la proksima numero de B. E.

---

## BELGA GAZETARO.

ANTVERPENO. — «De Diamantbewerker»: 14-3 artikolo pri la 5a datreveno de la fondo de la grupo de Esp.Diamantistoj: 4-4: kunvoka informo al kunveno de tiu grupo (en Esp.); 18-4: anonco pri ekskurso al Bergen-op-Zoom; 2-5: alvoko al la membroj de tiu grupo por partopreni en la sekvantaro de la 1a de Majo; 9-5: detaloj pri ekskurso al Bergen op Zoom; ampleksa rubriko pri progresoj de nia lingvo; 30-5: komuniko en Esperanto; pri ĝenerala kunveno de la grupo.

«Forum» Aprilo, komuniko pri la Esp. Universitato en Genève.

«Gazet van Antwerpen», 2-3: Esp. Universitato en Genève; 25-3: pri radiaj kursop pri Esp. el Parizo; 28-5: pri la Parizaj konferencoj.

«Lloyd Anversois», 28-3: pri Parizaj konferencoj; 28-5: programo de la 14a Belga Kongreso.

«Morgenpost», 3-4: pri konstruo de Esperanta radio-stacio en Genève; 7-4 pri la Parizaj Konf.; 5-5 pri novaj kursoj de «La Verda Stelo».

«Neptune» 28-3: pri Parizaj konf.; 19-4: pri stacio en Genève; 9-5 detaloj pri komerca kaj scienca konferencoj.

«De Schelde» 23-2: granda art. pri Esperanto en la kampo de naciismo kaj mondpaco; 28-3: kritiketo pri kelkaj proponoj de membro de la diamantista Ligo rilate al la uzo de Esp. en tiu Ligo.

«Het Tooneel» 4-4: pri komerca konferenco.

«Voksgazet» 23-4: pri sama temo.

«Minerva Nieuws» 15-4: Statistika artikolo el «Esperanto» pri la uzo de aŭtomobiloj en la diversaj landoj.

BRUĜO. — «Brugsch Handelsblad» 28-3: pri donaco de standardo al loka grupo; Parizaj konferencoj; 18-3: Radio kaj Esperanto; Universitata semajno en Genève; 30-5: Belga kongreso.

«Burgerwelzijn» 4-4: komerca konferenco en Parizo.

«Journal de Bruges» 22-1: pri komerca kurso en Parizo; progresoj de Esp. en fremdlando; 2-3: progresoj; 16-3: Esp. kaj la komercaj ĉambroj; somera universitato; 30-3: donaco de standardo al loka grupo; 6-4: Radio kaj Esp.; 14-5: tutkolona artikolo kun plena programo de la komerca kaj scienca konferencoj; Esperanta Radiostacio; Esperanto kaj la gazetaro: «La Sindikato de la teknika gazetaro, kiu konsistas el pli ol cent gazetoj, nomis komisionon por esprimi opinion pri la oportuneco de la uzo de Esperanto dum la kunvenoj de la Internacia Kongreso de la teknika Gazetaro, kiu okazos en prokzima aŭtuno»; 21-5: Esp. en Bulgarujo; rezolucio de la unua kongreso pri Radio; 31-5: programo de Belga Kongreso.

BRUSELO. «L'Echo de l'Association» (des anciens élèves des Frères des Ecoles Chrétiennes, 18, rue d'Assaut): Majo: dukolona artikolo de nia Antverpena amiko Van Gulck pri la stato de nia lingvo.

«Le XXe Siècle» 10-5: komerca konferenco en Parizo.

«Le Soir» 20-4; detala raporteto pri la favora decido de la Radio-konferenco.

«De Standaard» 7-4: anonco pri komerca konf.; 1-5: rezolucio de Radio-konf.; 7-5: letero de kardinalo Gasparri al Itala Ligo de Katolikaj Esperantistoj komunikanta la kuraĝigon kaj apostolon benon de Pio XI. (Samaj artikoletoj aperis en «Morgenpost» de Antverpeno.)

GENTO. — «Gazette van Gent» 6-20-3, 10-24-4: daŭrigo de turista frazaro de «Turing Klubo»; 29-3: komerca konferenco en Parizo.

«De Landwacht» 31-3: komerca konferenco.

«Vooruit» 22-3: granda artikolo el «Heroldo de E.» pri progresoj en diversaj lingvoj; 16-5: enhavo de B. E. No 2.

«Het Vlaamsche Land» kaj «Vlaamsch Opvoedkundig Tijdschrift» — Febr.-Marto: presigis artikolon pri katolika Esperanta movado de S-ro Prof. Frans Haepers, el Antverpeno.

LIEGE. — «Gazette de Liége» 30-3: komerca konferenco. «Journal de Liége» 1-4: komerca konferenco; 4-3: somera universitato en Genève.

MEĤLENO. — «Gazet van Mechelen» 9-3: programo de somera uni-

versitato; 12, 13, 22-3, 12, 14-4: pri diversaj disaŭdigoj en Esperanto per Radio; 7-5: komerca konferenco; 14-5: rezolucio de la Radio-konferenco.

«Journal de Malines» 15-3: somera universitato; belga kongreso; 29-3, 19-4: Esp. disaŭdigoj per radio ; 3-5: komerca konferenco; 10-5: rezolucio pri Radio.

OSTENDO. — «Le Carillon» 30-3: pri komerca konferenco.

LA PANNE. — «La Panne-Plage» 14-5: anonco pri publikigo de Esperanto-kurso, kun alvoko en Esperanto al fremdlandaj turistoj por viziti la marbordan parton La Panne-Nieuwpoort.

VERVIERS. — «Le Commerçant»: Dank'al la laborado de nia bona amiko Pirnay tiu gazeto regule publikigis en siaj numeroj de Jan., Febr., Marto kaj Aprilo la progresojn de Esp. en la kampo de komerco kaj industrio.

«Courrier du Soir» 29-5: granda artikolo pri Esperanto en la katolika movado kun traduko de la kuraĝiga letero de la Papo Pio XI al la Italaj kat. Esperantista Ligo.

«Le Jour» 25-2: somera universitato en Genève.

RADIO - GAZETARO.

«Radio - Belge»: 26-2: Francujo kaj la Esperanta movado; teknikaj konferencoj de Parizo. 12-3: listo pri la disaŭdigoj kaj kursoj el germanaj stacioj. 19-3: anonco pri kurso de Esp. el Parizo. 30-4: kvinkolona artikolo dokumenta pri la supereco de Esperanto rilate al aliaj lingvoprojektoj. 7-5: pledo por akcepto de angla lingvo kiel internacia; raporto pri la unua int.-radio-konferenco; uzo de Esp. en la stacio de Moskvo; anonco pri kurso de Ido en Bruselo. 21-5: noto pri komerca kaj scienca konferencoj.

«Radiophonie pour Tous» 25-2: nova pledo por Ido, sub la titolo «La problemo pri internacia lingvo», kiu ree servas (por la kioma fojo!) la ĉiam same infanajn argumentojn kontraŭ Esperanto. 25-3: artikoleto de la Redakcio konsentanta pri la utileco de internacia lingvo por radio - telefonaj rilatoj speciale kaj por la paco inter la homaro ĝenerale. La gazeto promesas subtenon al la defendantoj de la int. lingvo, kiam ili estos interkonsentintaj pri la solvo, sed ne volas miksi sin en iliaj disputoj.

## ESPERANTISTA GEEDZIĜO.

Mardon, la 19an de Majo geedziĝis en Gento du el la plej simpatiaj kaj sindonemaj gemembroj de la tiea Esperantista klubo «La Progreso»: S-ro Marcel SOMERLING, inĝeniero, kaj F-ino ADRIENNE COLYN, fratino de F-ino Eugenie Colyn, la lerta propagandantino de nia movado. Dimanĉon la 17an okazis en la domo de la familio Colyn agrabla kunesto al kiu ĉeestis dudeko da gemembroj de la klubo,kies prezi-

danto, S-ro L. Cogen, faris, paroladeton al la gefianĉoj en kiu li supozis en sia fantazio, ke oni jam sidas ĉe la geedziĝa festotablo, ke tuj eniras en la salonon delegitaro de «La Progreso», kies «prezidanto» diras la jenan gratulsaluton:

En tiu festotago del'koroj
Al vi, Geedzoj junaj, feliĉaj,
Iradu la gratuloj sinceraj
De ĉiuj anoj de «La Progreso»!
Tre longan kaj feliĉan kunvivon
Deziras ĉiuj tuta el koro,
Al juna paro bonelektita!
Dum tia, festo decas, ke kanto

Kaj versoj sian ĉarmon aldonu
Al kora ravo de la Geedzoj!
Aŭskultu tial, karaj Amikoj,
Muzikan perlon korelfalintan
Laŭ kortuŝantaj versoj belsonaj
Verkitaj glora de franc-poeto,
En Esperanta formo fanditaj
De via prezidanto Progresa!

Tiam S-ino De Bisschop kantis tiun «muzikan perlon» titolitan «Al Fianĉino», paroloj de Victor Hugo (traduko de S-ro Cogen) kaj muziko de S-ino T. Valdury. Fine S-ro Cogen je la nomo de «La Progreso» donacis al la geherooj de l'kunesto gipsan artaĵon: «La Kiso» de Jef Lambeaux, kaj binditaj en bela koverto, la paroladeton kun gratulsaluto, la tradukon de la «Fianĉino» kaj ties muzikan tekston.

«Belga Esperantisto» aldonas siajn plej korajn gratulojn kaj sincerajn bondezirojn al la juna Esperantista paro!

# AKADEMIO.

## CIRKULERO AL LA L. K.-ANOJ.

Parizo, la 9-an de aprilo 1925.

Jen la rezultato de la voĉdonoj en la «Lingvan Komitaton» kaj en la «Akademion»: Voĉdonintoj: 92.

LINGVA KOMITATO:

S-ro de Lajarte, 88 voĉoj;
S-ro Behrendt, 89 voĉoj;
F-ino Zschepank, 81 voĉoj;
S-ro Kastner, 78 voĉoj.

Ĉiuj elektitaj.

AKADEMIO (6 postenoj):

1. S-ro Christaller, 78 voĉoj, elektita;
2. S-ro Warden, 72 voĉoj, elektita;
3. S-ro Nylen, 67 voĉoj, elektita ;
4. S-ro Isbruecker, 65 voĉoj, elektita ;
5. S-ro Bailey, 47 voĉoj, elektita ;
6. S-ro Migliorini, 47 voĉoj, elektita;

S-ro Behrendt, 41 voĉoj;
S-ro Fischer, 40 voĉoj;
S-ro Setala, 39 voĉoj;
S-ro Collinson, 30 voĉoj;
S-ro Sola, 14 voĉooj;
S-ro Butin, 12 voĉoj.

# DIVERSAJ INFORMOJ.

La UNIVERSALA ASOCIO DE BLINDAJ ESPERANTISTOJ eldonas nun nigre presitan «LIGILO POR VIDANTOJ», kies unua numero 16-paĝa aperis antaŭ kelkaj semajnoj. Tiu speciala «Ligilo» aperas provizore kvaronjare kaj estas sendata al la subtenantaj membroj de la su-

precitita asocio. Ni multe rekomendas al niaj gesamideanoj, ke ili helpu la klopodojn de niaj amikoj, kiuj sin dediĉas al la plibonigo de la inlekta sorto de niaj blindaj fratoj.

Por ricevi specimenan numeron kaj pliajn informojn, oni sin turnu, en Belgujo, al S-ro Victor Hendricx, Sekretario de U. A. B. E., Roosendaalstraat, 148, VORST (Bruselo), per ĉi kuna karto. Poŝtĉekkonto 309.59. — Jara kotizo por subtenantaj-abonantoj estas Fr. Sv. 4.—; por Belgujo Fr. B. 15.—.

LA MEĤLENA GRUPO ESPERANTISTA intencas organizi de la 19-a ĝis la 21-a deJulio tendaron en Rymenam. Pliajn informojn volonte donos la sekretario, Statiestraat, 16, Mechelen (Prov. Antwerpen). Esperantistaj gazetoj estas petataj represi.

La lernantoj de nia sonorilar-lernejo ludos la 9an de Aŭgusto, 27an de Septembro, 21an de Novembro kaj 26an de Decembro en Mechelen plie la 1-an de Julio Jef Denyn ludos de la 9-a ĝis la 10-a.

La Meĥlena Grupo Esperantista kore invitas la Belgajn Esperantistajn Grupojn al vizito de sia urbo dum la monatoj Junio, Aŭgusto kaj Septembro, prefere lunde. La vizitontoj estas petataj antaŭe skribi al la Sekretariejo, Statiestraat, 16, Mechelen, kiu plezure sendos programon de vizito.

La VEGETARA LIGO ESPERANTISTA, kies organo «Vegetarano» (abonprezo por Belgujo Bfr. 10.— jare) aperas jam en la oka jaro, estas nun representata en Belgujo de

S-ino Yvonne Colyn, rue Roosendaal-straat, 148, Bruselo - Forest - Vorst; poŝtĉekkonto 309.59.

Kotizoj estas pagotaj al la sekretariino citita. La bulteno aperas ĉiujn tri monatojn.

La INFORMA SERVO DE LA EKSTERA MINISTERIO DE FINNLANDO petas nin informi al la tutmonda esperantistaro, ke la Ministerio sendis al la legacioj kaj konsulejoj de Finnlando ekzemplerojn de la lukse presita, ilustrita verko «Vojaĝado en Finnlando» por senpaga disdono al la personoj, kiuj interesiĝas pri Finnlando. Kun plezuro ni transsendas ĉi tiun informon en la espero, ke la esperantistoj baldaŭ elĉerpu la prozivon nun aĉetitan de la Ministerio.

---

# PLEZURA NOKTO.

*(2a DAŬRIGO)*

«Jen estas pistolo, patro; prenu ĝin. — Jen, — prenu do...»

«Ĝi tamen ne estas ŝarĝita, ĉu ne, Kristano?»

«Ne! Ne! prenu. Ĝi ne estas danĝera.»

«Ha! Nu, bone: mi reiras al mia ĉambro, — mi ne volas lasi la virinojn solaj; vekigu la servistinon por ke ŝi gardu la infanojn. — Dank'al Dio ili bone dormas. Ho ĉielo! tiuj malfeliĉuloj ne scias, kio pendas super ilia kapo!»

Bovendam revenas ĉe la terurigitaj virinoj.

Kiam ŝi vidas la pistolon, kiun ŝia edo portas je braklongo for de la korpo, la sinjorino krias:

«Forigu tion!»

«Silentu! Ne tiel kriu; ĝi ne estas ŝarĝita».

«Ne, ne! forigu tion! — ĝi eble povus ekpafiĝi! Mi timas tiajn ilojn.»

Kristiano suprensaltas la ŝtuparon, al la grenejĉambreto, kie dormas Manjo.

Li vokas: «Manjo! Manjo!». Ŝi ne aŭdas; ŝi dormas duoblan kuiristin-dormon. Fine li alproksimiĝas la liton kaj brakskuas ŝin, dum li duonvoĉe ripetas: «Manjo! vekiĝu do».

La skuado helpas, ĉar subite la servistino vekiĝas, kaj Kristiano diras:

«Vi devas malsupreniri kaj gardi la infanojn; estas ŝtelistoj en la domo».

Ĉe la vorto «ŝtelistoj» la servistino aŭdigas longedaŭran krion kaj veploras: «Ho Dio! Ho Ĉielo!» ĝis Kristiano senespere premas la manon sur ŝian buŝon kaj krude diras:

«Silentu! se ne...»

«Se ne? Ho Dio! Ho Dio! Ho Dio! Kio okazos al mi? Mi eknerviĝas! Mi svenas!...»

«Faru tion poste, sed nun leviĝu. Ĉu vi komprenas?» Kaj fulme li rapidas malsupren.

Lia patro estas en la koridoro kaj premas al li la ŝlosilon de la antaŭpordo en la manon, dirante:

«Dio volu, ke vi tuj trovu policiston, mia filo.»

Post kiam Kristiano estas foririnta, la maljunulo denove riglas la pordon, kaj rapidas supren. La du virinoj estas irintaj en la ĉambron ĉe la knabetoj, ĉar alie ili estas tiel solaj, kaj oni neniam scias... Ankaŭ Manjo estas tie, kaj, kun timemaj mienoj ili ĉiuj atendas.

Benjo estas la plej kuraĝa kaj ripete diras: «Li ne povas eliri, paĉjo; certe ne!»

«Ĉu li ne povus eliĝi tra la fenestro?» demandas la sinjorino.

«Ĝi estas tro alta, panjo!»

«Ne, fraŭlino, tion vi ne devas diri. Tiuspecaj friponoj rampas tra la kameno kiam ili troviĝas en danĝero; ili estas for, antaŭ ol oni pensas pri tio», diras Manjo, dum ŝi suĉas bordon de sia noktkamizolo.

«Silentu, mi aŭdas ion supre...» flustras Bovendam.

«He Dio! li eble foriĝas», malesperante diras la sinjorino.

«Li eble emas», aldonas Manjo.

«Paĉjo, — li certege ne povas eliĝi; mi tamen havas la...» La vorton «ŝlosilon» Benjo ne elparolas, ĉar je sia timo ŝi rimarkas, ke ŝi ĝin ne plu tenas en la mano. «Mi ne plu havas la ŝlosilon», ŝi balbutas.

«Kiel estas eble, esti tiel stulta!» malkontente murmuras Bovendam.

«Ĝi eble kuŝas sur la planko en via dormoĉambro, paĉjo».

«Manjo, iru tuj serĉi ĝin tie».

Ne, sinjoro, tion mi ne faras! Mi ĉiam faras, kion vi ordonas, sed nun mi diras ne. Kial vi ne iras? Vi estas viro».

«Tio ne estas motivo», grumblante diras la sinjoro.

«Nu, viro ja havas pli da kuraĝo!»

«O certe! Jes, koncerne tion — hm! — jes, lumigu vi, ni kune iros serĉi ĝin».

«Ho ne, patro, restu tie ĉi; mi iros...» Benjo diras; sed subite ŝi haltas, ĉar super iliaj kapoj io sonas kiel surda bato aŭ falo.

«Bona Ĉielo! li eliĝas — li frapegas la pordon!» diras dentklakante la sinjorino.

Bum! Alia frapo, sekvata de tintanta bruego.

«La komedio komencas!» preskaŭ laŭte krias la sinjoro kaj retiriĝas ĝis la lito, en kiu la du knabetoj dormas.

Benjo kaj Manjo staras kune en angulo de la ĉambro, kaj la sinjorino sin kaŝas malantaŭ la litkurtenoj de la lito de Kristiano.

La pli juna ido estas vekiĝinta: la maldolĉa ektuŝo kun la patra korpulenteco sur liaj piedoj vekigis lin, kaj, frotante siajn okuletojn, li laŭte krias:

«Ĉu jam estas mateno, paĉjo?»

Nun ankaŭ vekiĝas lia frateto kaj demandas: «Kio okazas?»

«Silentu, karuloj, je l'nomo de Dio!» kaj per raŭka voĉo li aldonas: «Estas ŝtelistoj en la domo.»

«Ŝtelistoj, paĉjo?» demandas Peĉjo, la pli aĝa el la du. «Veraj ŝtelistoj?»

Malgranda Karolo sidiĝas en la lito kaj ĝoje ekkrias: «Veraj ŝtelistoj! Ho tio estas agrabla. Ĉu mi povas vidi ilin?»

«Silentu, bubo!»

Karolĉjo nun staras en sia noktrobo, en la lito kaj dancas sur la risorta matraco, dum li plengorĝe krias:

«Nu, paĉjo! Ĉu mi povas vidi la ŝtelistojn? Nu, mi petegas! — nur videti!»

«Se vi ne silentos, mi...»

«Sed mi tiom ŝatus vidu la ŝtelistojn. Hi! Hi! Hi! Kial mi ne povas? Hi! hi! hi! hi!

Manjo kaj la sinjorino alkuras por trankviligi la ribelantajn knabojn, kaj, dum ĉiuj estas okupataj konvinki la karulojn pri la neceseco sin silentigi, ŝi denove aŭdas frapegon, sekvantan de piedfrapetado sur la ŝtuparo.

Glacia tremado trakuras la korpon de Bovendam, kiam li subite sentas ion froti ĉe liaj trikotkovritaj kruroj, sed mallaŭta !miaŭ!» tuj rekuraĝigas lin kaj igas lin tremridante diri:

«He, he, he, he! estas la kato!»

Kun senpeziga sopiro la sinjorino diras:

Tiuokaze tiuj frapoj venis de la kato, kiu eksaltis kaj renversis duon da boteloj».

«Homo ja povas imagi terurajojn, ĉu ne, sinjorino?» diras Manjo.

Subite la domsonorilo eksonas.

Denove kazeiĝas en la arteroj la sango de la gento Bovendam. La

sinjoro rigardas la sinjorinon, kiu rigardas Benjon kaj Benjo rigardas la aliajn.

«Kio estas tio?» surde demandas la dommastro.

«Estas la sonorilo, sinjorino!» diras Manjo.

«Kiu estus tie, Bovendam?»

«Ĉu mi scias?»

«Paĉjo! Eble estas Kristiano».

«Ne, li havas ŝlosilon».

«Rin-rin-rin-rin» denove, pli forte ol antaŭ.

«Eble estas policano, sinjoro!»

Subite heliĝas en la spirito de Bovendam: la riglilo, jes! tio estas la kaŭzo! Pro timo li estis riglinta la pordon denove, kaj tial Kristiano ne povas eniri.

Ne dirante unu vorton li prenas la kandelon, kaj la flagranta lumo jetas la fantomajn ombrojn de lia ĉambrovesto, kiu flirtas ĉirkaŭ liaj kruroj, sur la muron de la koridoro. Lia tuta aperaĵo estas iom vampira, iom satana, kiam li malsupreniras la ŝtuparon.

Antau ol li estas malsupre, li preskaŭ falas de la lastaj ŝtupoj pro la ŝnuroj de sia ĉambrovesto, kiuj malligiĝis, kaj kiujn li piedpremis.

Kun malagrabla esprimo sur la lipoj, li malriglas la pordon kaj enirigas la policiston kaj Kristianon.

«Dank'al Dio!» estas ĉio kion diras Bovendam.

Tuŝetante la kaskon per la mano, la policisto demandas:

«Kie estas la fripono, sinjoro? Mi venas helpi vin».

«Unue li ne volis kuniri, patro! ĉar ne estas lia sekcio, sed mi promesis al li altan trinkmonon kaj kelkajn glasetojn da brando», diras Kristiano en lian orelon.

«Bonege, Kristiano; promesu nur, infano!»

«Mi estis devigata multe kuri antaŭ ol mi vidis policiston».

«Nu, dank'al Dio, vi trovis lin!»

Post kelke da sekundoj, patro kaj filo kun la servisto de la justeco eniras la ĉambron, kie troviĝas la virinoj. Ĉiuj kune ili volas klarigi la aferon al la policano.

«Li certe enrampis», flustre diras la sinjorino.

«Tra la ĝardenpordeto estas certe neeble», rimarkigas Manjo ne sen konsciencriproĉo.

«Mi enfermis lin», aldonas Benjo al la policano, dum ŝi tiras lin per la maniko.

Ŝajnas, ke la ĉeesto de la forta brako de la justeco subite kuraĝigas kaj forkigas la malfortulojn, ĉar la flustrantoj voĉoj pli kaj pli laŭtiĝas kaj finigas fortege, ĝis kiam la policano moderige rimarkigas:

«Nur unu parolu, mi petas».

(Daŭrigota.)

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

# Ne forgesu
# repagi vian abonon !

VIZITU BRUGES (BELGUJO)

arta urbo je 15 Km. de la Norda Maro

kaj haltu :

# HOTEL DU CORNET D'OR

## 2. PLACE SIMON STEVIN

Sidejo de la Bruĝa Grupo Esperantista.

Centra situacio je 2 minutoj de la Stacidomo.

Tre komfortaj ĉambroj, bonaj manĝaĵoj, bonaj vinoj kaj tre moderaj prezoj.

*La hotelestro, samideano S-o Verbeke, parolas Esperante, france, flandre kaj angle.*

---

# BANQUE de la FLANDRE OCCIDENTALE

Anonima Societo fondita en 1881

***56, Rue Flamande, 56 — BRUGES — Telefono 89***

Agentejoj en Blankenberghe, Heyst kaj Knocke

DISKONTO — MONŜANĜO

KREDITKONTOJ

Pruntedono sur obligacioj kaj ĉiuj valordokumentoj — Depono de Akcioj

Borsmendoj por ĉiuj urboj.

ANTAŬMENDOJ—REGULIGOJ

Pago de kuponoj — Eldono de ĉekoj — Kreditleteroj

Aĉeto kaj vendo de fremdaj mono kaj biletoj — Luigo de monkestoj.

Multaj oficistoj parolas Esperanton — S. D.

---

# ? Ĉu vi estas jam membro de U. E. A. ?

---

SAMIDEANOJ! KURAĜIGU ESPERANTISTAJN FIRMOJN!

Por via somera ripozloko apud Marbordo, elektu :

# LE GRAND HOTEL D'OOSTDUINKERKE

(Korespondas per Esperanto. — Parolas Esperante).

AGRABLA RESTADO DUM TUTA JARO

BONAJ MANĜAĴOJ. BONAJ VINOJ. TRE MODERAJ PREZOJ.

**Generala agentejo por vendado de Francaj vinoj, oleoj.**
**Skribu al S-ro BENOIT, Grand Hôtel d'Oostduinkerke.**
**El ciuj enspezoj faritaj pere de Esperanto. S-ro Benoît dedicos parton**
**de 5 o/o al la propaganda kaso de «Belga Esperantisto».**
**de 5 o/o al la propaganda kaso de "Belga Esperantisto".**

# L'Espéranto en un coup d'œil!

L'ESPERANTO est PHONETIQUE.

On prononce *toutes* les lettres :

*Une lettre, un son.*

L'ACCENT TONIQUE tombe toujours sur *l'avant-dernière syllabe.*

*Pas d'irrégularités.*

*Pas d'exceptions.*



L'ALPHABET DE L'ESPERANTO

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aa | Bb | Cc | Ĉĉ | Dd | Ee | Ff | Gg |
| *a* | *b* | *ts* | *tch* | *d* | *e* | *f* | *gu* |
| Ĝĝ | Hh | Ĥĥ | Ii | Jj | Ĵĵ | | |
| *dj* | *h aspiré* | *h très aspiré* | *i* | *y* | *j* | | |
| Kk | Ll | Mm | Nn | Oo | Pp | Rr | Ss |
| *k* | *l* | *m* | *n* | *o* | *p* | *r* | *ss* |
| Ŝŝ | Tt | Uu | Ŭŭ | Vv | Zz | | |
| *ch* | *t* | *ou* | *ou bref* | *v* | *z* | | |

Q, W, X et Y n'existent pas.

A, E, I, O, U se prononcent comme dans *fa, ré, mi, do, route.*

C ne sonne pas comme S, ou comme K mais comme *ts* de *tsar.*

J = *y* dans *yeux.*

Les sons ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ, et ŭ se retrouvent dans *tchèque, adjudant,* Aachen, jardin, *chemin* et Raoul.

La GRAMMAIRE se compose de SEIZE RÈGLES FONDAMENTALES.

Les MOTS se forment au moyen de radicaux auxquels s'ajoutent des lettres appropriées.

**O** est la terminaison du SUBSTANTIF : fakto, telefono, piano, libro, fajro, tasko

L'ADJECTIF se termine en **A** : evidenta, longa, granda, bela, furioza, simpla

Les SUBSTANTIFS et les ADJECTIFS forment leur PLURIEL par l'adjonction de **J** (*aj, oj* se prononcent comme dans *ail* et Boïeldieu).

evidentaj faktoj — longaj telefonoj — grandaj libroj

SIX TERMINAISONS SUFFISENT POUR FORMER TOUS LES TEMPS SIMPLES DU VERBE

| *Infinitif* | *Présent* | *Passé* | *Futur* | *Conditionnel* | *Impératif :* |
|---|---|---|---|---|---|
| **I** | **AS** | **IS** | **OS** | **US** | **U** |
| ESTI | estas | estis | estos | estus | estu |
| LERNI | lernas | lernis | lernos | lernus | lernu |
| INSTRUI | instruas | instruis | instruos | instruus | instruu |

**N** forme l'ACCUSATIF (*complément direct*)
Mi (*je*) instruas lin (*lui*)
Li (*il*) instruas min (*moi*)
Vi lernas Esperanton

Les ADVERBES se terminent en **E** : rapide, entuziasme, diligente

## *ESTU PRETA : LERNU ESPERANTON*

Les PARTICIPES s'emploient comme *adjectifs, substantifs* et *adverbes.*

*Actif* Présent : -ANT' — Passé : -INT' — Futur : -ONT'
*Passif* : Présent : -AT' — Passé : -IT' — Futur : -OT'

Mi estas instruanta — Mi estas la instruanto — Instruante, mi lernas
Vi estas instruata. — Vi estas la instruato. — Instruate, vi lernas.

**ĈU** se prononce comme *tchou. Forme la phrase interrogative.*

harpo, piano, violono, fluto, orgeno — estas *instrumento* (?)
lilio, rozo, tulipo, violo, geranio — estas *floro* (?)
melono, banano, figo, piro, pomo — estas *frukto* (?)
hundo, kato, kamelo, elefanto, urso — estas *besto* ?)

*Oui* se dit **JES** et *Non* se dit **NE**

**LA** (le, la, les) Unique article défini.

tasko, piano — estas (*est*) — simpla, granda
knabo, raporto — estis (*était*) — bela, favora
progreso, anekdoto — estos (*sera*) — rapida, longa

*Le préfixe* **MAL** *marque le contraire.*

malsimpla, malgranda, malbela, malfavora, malrapida, mallonga

COULEURS

| | |
|---|---|
| blanka | papero |
| blua | krajono |
| nigra | inko |
| bruna | tero |
| rozaj | lipoj |

NOMS DE NOMBRE : Unu, 1 ; du, 2 ; tri, 3 ; kvar, 4 ; kvin, 5 ; ses, sep, ok, naŭ, dek ; cent, 100 ; mil, 1000 ; miliono. ADJECTIFS NUMERAUX ORDINAUX : unua klaso, dua klaso, etc. Comme Adverbes : *unue* premièrement , *due,* deuxièmement ; etc.

La PROFESSION s'indique par **IST** : dentisto, bakisto, artisto

Le SEXE FÉMININ s'indique par : **IN** : princo — princino ; patro — patrino ; leono — leonino

*Cinq* autres *préfixes* et *vingt* autres *suffixes* permettent d'exprimer toutes les idées et ce avec un maximum de précision et de clarté.

---

Un "PREMIER MANUEL de la langue auxiliaire ESPERANTO" vous sera envoyé contre







Ford




